AktivAmeriko

UEA-Komisiono por Ameriko

Novaĵletero - **N-ro 2**, Junio/99

*La urugvajano **José Enrique Rodó** (1871-1917) aŭdacis vortigi ideojn pri kontinenta kunlaborado antaŭ cent jaroj, kiam naciismoj estis eĉ multe pli akraj ol nun. Regiona integriĝo de landoj estis revo, kiu nun iel unuapaŝe ekrealiĝas, ekzemple, per MERCOSUR.*

## Ameriko

Mi ĉiam kredadis je tio, ke en Ameriko nia ne eblas paroladi pri multe da landoj, sed pri patrujo granda kaj ununura. Mi ĉiam kredadis je tio ke, se leviĝas l'ideo pri landujo, esprimo de ĉio, kio estas plej funda en homa sentemo: amo al la tero, poezio de l'resopiro, gloraj revoj, senmortaj esperoj... en Ameriko, pli ol en alia parto, eblas, sen malnaturaligi tian-ĉi ideon, pligrandigi ĝin, ampleksigi ĝin, purigi ĝin el ĉio mallarĝa kaj negativa, kion ĝi enhavus; sublimigi per la virto mem de tio, kio en ĝi sintenas afirmative kaj fekunde: oni devas altigi super nacia landujo la Amerikan Patrujon, rapidigante la tagon kiam la hodiaŭaj geknaboj, homoj de l'estonto, demanditaj pri kia estas la nomo de ilia patrujo, ne respondu dirante Brazilon, nek Ĉilion, nek Meksikion, ĉar ili respondos nomante ĝin Ameriko.

Ĉiu internacia amerika politiko, kiu ne orientiĝos rekte al tiu estonto, aŭ ne sinĝustigu preparante tian harmonion, estos vana kaj senvoja politiko.

(elhispanigita de **Fernando Pita**)

*"Ariel", la plej konata verko de Rodó, estas eldonita en traduko de urugvaja esperantista pioniro Fernandez Menendez.* - noto de la red.

***Karaj legantoj!***

*En viaj manoj troviĝas la 2-a numero de nia Bulteno, kiu ricevis tiom varman akcepton de la legantaro. Ĝia nomo "AktivAmeriko" ŝajne estis ia preludo, ia mirinda anticipo de tio, kion la monda Movado komencos rimarki pri la agado por Esperanto en nia kara Ameriko. En la lastaj monatoj mi vidis naskiĝi kaj kreski diversajn diskutlistojn per la reto en la kontinento: Argentino, Brazilo, Kolombio, Venezuelo havas nun sian forumon kaj tie la Esperantistoj vigle diskutas, raportas, informiĝas; dank'al nelacigebla iniciatemo kaj kunlaboro nun plurnacia grupo tradukas tekstojn pri interlingvistiko por disponigi al la interesitoj; vekiĝis la granda bezono iel unuecigi niajn rimedojn por varbi kaj eksonis forte en Venezuelo la voĉo de niaj Esperantistoj pri la neceso kalkuli je komunaj lernolibroj por hispanlingvanoj; raportoj pri novaj kursoj ne ĉesas alveni el Brazilo, Kostariko, Usono, ktp; finfine vizitantoj de ekster Ameriko venadas al niaj rondoj konatiĝi kun niaj grupoj.*

*Espereble tia mirinde magia momento de ekflorado sekvos plu sian vojon antaŭen, ĉar certe ni ĉiuj en Ameriko povas valore kontribui al la disvastigo de niaj idealoj kaj tiel montri al la monda E-Movado nian forton.*

**Atilio Orellana Rojas**

*UEA-komisiito por Ameriko*

## 4a. TAKE-Tutamerika Kgr.

Gratulon kaj dankon al niaj kolombiaj gesamideanoj, kiuj okazigis en Bogoto la 4-an Tutamerikan Kongreson de Esperanto, sub la prezido de Rodrígo Ramírez. Pri ĝiaj laboroj kaj sukceso oni jam povis legi en la marta numero de revuo "Esperanto" (pro la reduktita spaco en nia modesta novaĵletero ni ne povas reprodukti tie ĉi la raportojn).

El inter la sekvoj prezentiĝas la decido revivigi Kolombian Esperanto-Ligon (KEL), nun prezidata de la aktiva esperantisto Rubén Torres. La nova adreso de KEL estas: **Carrera 85 No. 15-68 - Cali, Kolombio**. Retpoŝte: **rdtorres@teletulua.com.co** kun hejmpaĝo en **http://esperanto-kolombio.org**. Sukceson!

Vi trovos dokumentojn kaj informojn pri **UEA-Komisiono por Ameriko** same en Internet, sub:

http://www.digicron.com/ameriko

## Kuba E-movado aktivegas!

*Pro teknika fuŝo miaflanke, el la unua numero forfalis noto pri la dekjariĝo de la E-programoj de Radio Havano, en Septembro de la pasinta jaro. Mi pardonpetas, gratulas pro la jubileo kaj ĝojas aldone festi plian jubileon: tiun de Kuba Esperanto-Asocio en la ĉijara 16-a de Junio!* - la redaktanto

De la 10-a ĝis la 11-a de marto, 1999 oni okazigis la 16-an Komitat-kunsidon de KEA, kaj ĉar temas pri elektojaro estis elektita nova estraro. Ĝi konsistas i.a. el s-ino Maritza Gutiérrez kiel prezidantino kaj nia komisionano Juan Ramón Rodríguez: kiel ĝenerala sekretario. Juan Ramón jam reprezentis Kubon en la IV Tutamerika Kongreso. Al la nova teamo ni sincere deziras sukceson!

Sekve, inter la 11a kaj 13-a de marto, sukcese sesiis en Havano la Tria Nacia Kongreso de KEA. La Kongreson partoprenis ĉirkaŭ 150 homoj, el kiuj deko da eksterlandanoj; entute, homoj el 8 landoj. Oni ĝuis prelegojn, artan vesperon, rondan tablon, aŭkcion, forumon pri la rolo de Esperanto en la tria jarmilo, ktp.

*daŭrigo en paĝo 3*

# Sudamerika Vojaĝo (februare-marte 1999)

Bill Maxey, landa reprezentanto de Usono en UEA-Komisiono por Ameriko

Tuj post la solena fermo de la Kvara Tut-Amerika Kongreso en Bogoto, mi forflugis suden al Peruo, komence de sep-semajna vojaĝo en cetera hispanlingva suda Ameriko. Ĉe la flughaveno en Limo la freŝaj memoroj de la dolĉamaraj adiaŭoj en Bogoto subite vanuis, fronte al du novaj amikoj. Julio Zevallos kaj Carlos Miranda forportis min en la varmegan noktON, tra la surprize granda urbo, rekte al la hejmo de Gustavo Segami, kie mi gastis dum tri tagoj.

En la unua oni kompateme allasis al mi ripozi "hejme" post la ege lacigaj kongresaj tagoj. Vespere tamen mi ricevis tute neatenditan inviton de germanino kiu loĝas tre proksime, kaj mi akceptis. Evidentiĝis ke ŝi estas filino de d-ro Rüdiger Sachs, redaktoro de Scienca Revuo. Ŝiaj gepatroj estis tiutempe vojaĝantaj aliloke en Peruo, sed ŝi volis ke la lokaj E-istoj konatiĝu kun ili ĉe festeto en ŝia domo post unu semajno.

La sekvantan tagon Julio, ŝprucante informojn, promenigis min tra la bruega urbocentro, unue laŭ la larĝaj bulvardoj, kaj poste tra la placoj kaj stratoj de la plej malnova kvartalo. Pleje imponis la multaj historiaj preĝejoj kaj monaĥejoj, kies brilaj oraĵoj kaj ligno-ĉizado vere gapigis min. En la vespero mi sukcesis finverki la kongresan raporton en publika komputilejo.

Jam sekvantmatene, mi trovis min en aŭtobuso trairanta la montsimilajn sablodunojn de la marborda dezerto, survoje al la norda urbo Trujillo. Tie venis al mi renkonte du ĉarmaj sinjorinoj, Charo Becerra kaj Fredesvinda García, kies ridetoj superis ilian hezitemon praktike uzi Esperanton la unuan fojon. Charo proponis gastigi min ĉe si; mi do ĝuis varman familian etoson dum tri tagoj. Ambaŭ virinoj montris sin dediĉitaj komencantoj, voĉlegante tre bele kaj tute ne timante paroli. Do niaj kelkaj lecionoj, kiuj laŭŝajne interesis ilin, kontentigis ankaŭ min. La matenon de mia naskiĝtago ni pasigis esplorante la proksimajn ruinojn de Chan Chan, la antikva ĉimua ĉefurbo. Pro tio ke Charo estas arkeologo, tio estis aparte riĉa sperto, sed ankaŭ dolora: terure bruligis min la fortega suno.

Sed tro baldaŭ necesis ke mi ankoraŭfoje enbusiĝu, ĉifoje por la bele verdiĝanta alsuprado al la montara urbo Cajamarca. Oni diris ke tie mi trovos, krom pli agrablaj temperaturoj, nur kelkajn komencantojn. Kia surprizo min atendis! Entute mi renkontis 11 samideanojn, krom la kara sed ne-E-ista familio ĉe kiu mi gastis. Teo Rodríguez, la prizorganto de E-aferoj tie, pruvis sin tre bonkora kaj energia amiko, senĝene akompanante min al ĉiu kvartalo de la urbo. Li aranĝis du kunvenojn de la loka grupo. Al la unua venis sep homoj, plejparte komencantoj, inkluzive de kelkaj kiuj povas legi sed ne paroli. Ni diskutis kelkajn bazajn aferojn rilate Esperanton, kaj poste, laŭ peto, mi iomete paroligis ilin. La dua kunveno, en la sekvanta vespero, allogis ankaŭ kvar novulojn. En tiu aparte ĝoja etoso ni priparolis elementojn de la E-kulturo, kio efikis neatendite emociige. Nur malgraŭvole mi povis forlasi tiujn amindajn homojn, kiuj regalis min eĉ per originalaj poemoj kaj belaj metiaĵoj. Sed endis transflugi la montojn reire al Limo, por ke mi ne maltrafu la renkontiĝon ĉe Martina Sachs en tiu vespero. Tie, dum tre satiga manĝo, mi ja konatiĝis kun ŝiaj gepatroj, fervoraj ĝisostuloj, kaj krome kun d-ro Villareal, la "patro" de la ĉefurba movado, kiu bedaŭrinde ne pretervivis la jarojn de terorismo en Peruo. La grupo kunĝuis tre agrablan vesperon, post kio venis la finaj adiaŭoj. Carlos kaj Julio eĉ transdonis al mi naskiĝtagajn donacojn.

Frumatena forflugo al la antikva inkaa ĉefurbo Cuzco komencis dek tagojn da turismado en sorĉa sed ankoraŭ sen-E-ista regiono. Unu neforviŝebla memoro estas la longa trajnado al la videnda ruino Machu-Picchu, en duaklasa vagono apud dorsosakuloj kaj kamparanoj kun propraj sakoj da terpomoj, cepoj, karotoj, kaj freŝaj bulkoj. Poste, survoje al Bolivio, mi vizitis ankaŭ aliajn ruinojn, transiris la vastan kaj hanteman altebenaĵon, kaj boatis sur Lago Titikako (kie mi suferis iom pro la alteco). Bedaŭrinde mi povis resti nur unu tagon en La Paz, viglega bazar-urbo, kun multege da bunte vestitaj indiĝenoj, krutaj stratoj, kaj grandiozaj placoj.

Sed vanan provon kontakti la UEA-delegiton en La Paz pli ol kompensis la bonvenigo en Cochabamba, kultura urbo kie ĉiam regas printempo. Alfredo Petrov estas la tiea spertulo. Naskiĝinte en Germanio, li infanaĝe loĝadis en tre diversaj landoj, i.a. Anglio kaj Etiopio, kaj poste studis geologion en Usono. Portempe laborante en Bolivio, li renkontis sian japan-devenan edzinon, kaj poste ili loĝis en Japanio kaj Usono, antaŭ ol reveni al Sudameriko. Li estas kvazaŭ aŭtentika sennaciulo, iuspeca homo estonteca.

Gasti ĉe Alfredo kaj Tomoko ja ebligis fruktodonajn diskutojn pri Esperanto en Bolivio. Aliflanke, mi pasigis sola unu tre plezuran tagon vagante en la ĉirkaŭaĵoj de ilia kampara domo, en pejzaĝo kiu forte memorigis min pri Nov-Meksiko. En la urbo ni dufoje kunsidis kun du progresantoj, d-rino Elizabeth Lizárraga, patologo kiu kromlabore estras infan-ĝardenon, kaj ŝia helpanto, Maria Cruz Martín, hispana junulino kies frato aktivas en E-rondoj en Madrido. Dum miaj lastaj horoj en Cochabamba tiu gastama grupo, inkluzive de brazila komencanto kiu loĝas en la urbo, bele manĝigis min per lokaj specialaĵoj antaŭ la stacidomaj bonvojaĝoj.

*La fino de la interesa raporto de nia komisionano Bill, en la sekvo pri liaj spertoj en Ĉilio kaj Argentino, estas prezentota en nia venonta numero. Tiaj vizitoj estas vere gravaj por ni, amerikaj esperantistoj, kaj niaj E-rondoj. Ni intencas daŭre proponi al niaj legantoj sugestojn pri kluboj kaj regionoj kiuj meritas vian viziton. Sendu al ni viajn raportojn.*

*"Kuba E-movado aktivegas!", daŭrigo el paĝo 1*

La 8-an de aprilo oni intervjuis nian komisionanon Juan Ramón Rodríguez dum elsendo de la populara naciskala televidprogramo "Tveré". Oni diskonigis informojn pri la laboro de KEA, la pionirojn de Eo en Kubo kaj la okazinta III-a Nacia Kongreso. Oni ankaŭ profitis la okazon sciigi, ke la 16-an de junio ĉi-jara nia Asocio fariĝos dudekjara. Ĝuste pri tio, KEA lancîs konkurson pri historio "XX-a datreveno de KEA".

Inform-ondo ne haltis: la 26-an de aprilo Juan Ramón estis intervjuita en la programo "Juventud 2000" (Junularo 2000) de la nacia radiostacio Radio Progreso. Poste, en la sama tago, li havis okazon unikan: la ĉefa radiostacio kuba, Radio Havano (kiu dissendas ĉiusemajne ankaŭ en Eo) per la dua fojo dediĉis la 18-minutan programon "Indagaciones" (Esploroj) al la temo Esperanto. Tiu altkvalita programo, gvidata de la verkisto kaj ĵurnalisto Joaquín G. Santana, dediĉas ĉi spacon al temoj ligitaj al kulturo kaj scienco, kaj la intervjuitoj nepre estas esploristoj kaj fakuloj. Kiel ĝuste rimarkis Santana mem dum la dissendo, neniam antaŭe oni tuŝis dufoje la saman aferon, kaj tio taŭgas por aprezi kiom serioza oni taksas la laboron de la E-movado. La unua fojo, antaŭ kelkaj monatoj, la temo estis la preskaŭ centjara historio de Esperanto en Kubo.

Kadre de kunlaboro kun neesperantistaj asocioj, li ankaŭ partoprenis dum tri tagoj (de la 14-a ĝis 16-a de Aprilo) internacian seminarion kun ĉeftemo: "La elmigraj fluoj kaj la konsula agado fronte al la XXI-a jarcento" kunordigitan de Kuba Asocio de Unuiĝintaj Nacioj (ACNU). La seminarion, okazinta en la Centro je Internacia Informado, malfermis la kuba vicministro pri eksteraj rilatoj, Jorge Bolaños. Postan aranĝon, tiukaze prelegon de D-ro Giovanni Camilleri, kunordiganto de la Programo je Homa Disvolvo en Kubo kaj same organizitan de ACNU, ĉeestis la Sekretario pri Informado. Rilatoj inter la du asocioj estas bonaj, kaj Kuba Asocio de Unuiĝintaj Nacioj esprimis intereson okazigi kunan klerigaranĝon omaĝe al la 20-a datreveno de Kuba Esperanto-Asocio.

Aperis novaj bultenoj: La Esperanta Perlo (Municipa E-Filio ĉe Cienfuegos) kaj La Famo (Filio Guantánamo).

*(kompilita surbaze de informoj senditaj de* **Alberto García Fumero**, *Sekr. pri Informado de KEA-Kuba Esperanto-Asocio)*

Niajn dankojn al **Laszlo Szilvasi**, redaktoro de *Eventoj* kaj *Ret-Info*, pro la kunlaboro en la elektronika distribuo de nia novaĵletero al la abonantoj de tiuj elektronikaj listoj! Informoj ĉe eventoj@esperanto.org. Dankojn al **Marija Almada** (Santos, BR), **Ana Montesinos** (Londono) kaj **Rubén Diaconu Tkachenco** (Saenz Peña, AR) pro la instigmesaĝoj ricevitaj. Ni daŭre estas malfermaj al viaj sugestoj kaj kontribuoj por riĉigi la enhavon de nia eldonaĵo. Verku pri nia kontinento!

**Projekto Sementeira (Semejo) Esperanto**

Elpensita de Fernando Marinho, iama prezidanto de Brazila E-Ligo, tiu projekto celas interesigi instruistojn pri la eblecoj de Esperanto, kaj tiel nerekte atingi lernejanojn. Inter la atingoj jam faritaj, konstanta nacilingva semajna rubriko pri Esperanto en ĵurnalo de lia urbo, Petrópolis. Laste oni tie legis, en traduko al la portugala, originalajn informojn pri la milito en Kosovo, verkitajn de esperantistoj, kaj pri la medalo "Tolero" aljuĝita de Fonduso Zamenhof kaj persone transdonita de d-ro Louis Zaleski-Zamenhof al la papo Johano Paŭlo la Dua. Adreso de la paĝo (plejparte en la portugala): http://www.npoint.com.br/sementeira.

# Viglaj forumoj

En la lastaj monatoj kreskis la nombro de esperantaj Internet-novaĵgrupoj en Ameriko. Tiuj grupoj estas senpagaj diskutforumoj, kiuj aŭtomate plusendas al siaj "abonantoj" ĉiujn mesaĝojn ricevitajn. Plej multaj mesaĝoj verkiĝas en Esperanto, pri diversaj temoj, kun la partopreno de eminentuloj kaj komencantoj. Amika, gaja etoso kaj la partopreno de multaj eksterlandanoj igas tiujn listojn virtualaj kluboj (kio efektive signifas la mallongigo VEKI), en kiuj eblas rapide ĉiutage ekhavi informojn pri la movado, kaj aktivi en internacia medio preskaŭ senkoste, en la propra hejma fotelo

**argent-reto@egroups.com** (Argentino)
**kolombia-reto@egroups.com**
**veki@onelist.com** (Brazilo)
**venezuelo-en-la-reto@egroups.com**

# EN BERLINO

✪ La publika kunsido de la Komisiono por Ameriko okazos lundon, la 2-an de aŭgusto, de la 13:45 ĝis la 15:15, en salono SCHULZE. Vi estas bonvena ĉeesti, konatiĝi kun la reprezentantoj de la landaj movadoj kaj informiĝi kiel vi povas interagi kun kluboj kaj individuoj en nia kontinento!

✪ Nia Amerika Budo refoje estos organizita. En la ĉijara UK, Argentino respondecos pri la kunordigo de tiu laboro. La Budo prezentas dum la Kongreso informojn pri nia Kontinento, pri la E-Movado en la tuta Ameriko. Ni bezonas volontulojn por deĵori en nia Budo. Se vi partoprenos la kongreson, ĉu vi povos helpi nin? Vi povas mem elekti la tagon kaj horaron, kiu konvenas al viaj planoj. Bv. anonci tion al la komisiito, por pretigo de nia deĵortabelo.

## EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

### Argentino

AEL bonvenigas al la **53-a Argentina Kongreso de Esperanto**, en San Carlos de Bariloche, de la 8-a ĝs 11-a de Oktobro. La temon "Naturprotektado kaj vivkondiĉoj" tuttaŭge kronos la belega regiono. Informoj: A. Cossavella, Lilinquen 309, Pinar de Festa 8400 - Bariloche aŭ pere de: "LKK- 53-a AEK" tra la retadreso hostlnotros@infovia.com.ar

**Argent-EJO** havas novan aktivan respondeculon: Diego Cossavella - Casilla de Correo 90, 1648 - Tigre (BsAs).

### Brazilo

Reaperis **"Regione"**, organo por la delegita reto de UEA en Brazilo, jam en sia 7-a numero. Kreita dum la unua oficperiodo de nia iama komisionanino ĈD Symilde Ledon, la 24-paĝa informilo (22 x 7 cm) enhavas informojn, opiniojn kaj instigojn al la delegitaro kiel vigligi la reton de UEA-delegitoj.

La **35-a Brazila Kongreso** okazos en urbo Campo Grande, ŝtato Mato Grosso do Sul, de la 12-a ĝs 16-a de Julio.

Reformita **hejmpaĝo de Brazila E-Ligo** aldonis multajn novajn informojn utilajn por brazilaj e-istoj, por komencantoj kaj eksterlandanoj vizitontaj la landon. Pri ĝa prilaborado (http://www.esperanto.org.br) respondecas d-ro Luiz Fernando Vêncio (lvencio@radiologist.net).

### Ĉilio

En la unua semajnfino de Majo okazis la **Kvara Ĉilia Nacia Renkontiĝo** en la urbo Curicó. La ĉefprizorganto estis Héctor Campos Grez (strigo@ctcreuna.cl), unu el la plej aktivaj E-istoj en tiu lando. Oni celas revivigon de la Landa Asocio (ChEspA) kaj reaktivigon de ĉilia landa movado.

### Kanado

Renaskiĝs **KEJO**, sub la prezido de Damir Metz-Fleury (esperanto@sympatico.ca). La junulara kebekia E-organizo plu flegos bonajn rilatojn kun Kebekia E-Societo kaj Junularo Esperantista Kanada.

### Kostariko

Nia komisionano Hugo Mora informas, ke la Fako pri Filologio, Lingvistiko kaj Literaturo de Universidad de Costa Rica aprobis regulan, semestran, **kreditan kurson de Esperanto**. Antaŭe ĝ estis ne-kredita. Tiamaniere multaj studentoj, kiuj nur interesiĝas pri kursoj enskribitaj en regulaj programoj (per kiuj oni ricevas kreditojn), povos baldaŭ alproksimiĝ.

### Usono

Kelkaj usonanoj lastatempe ĉeestis **E-aranĝojn** en Kubo kaj vizitis E-istojn en sep sudamerikaj landoj.

Filmiĝas nun la lastaj kvin lecionoj (el 15) de la **vidbenda kurso** *Pasporto al la tuta mondo*, aŭspiciita de la landa asocio, ELNA.

Forpasis s-ino **Cathy Schulze**, kiu longe dediĉis sin al la organizado de **Someraj E-Kursoj** ĉe San-Franciska Ŝtata Universitato, en Kalifornio. La 30-a Kursaro refoje stipendiis du kostarikajn studantojn kiuj volas daŭrigi E-studojn.

*kompilita laŭ informoj de la respektivaj landaj komisionanoj*

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'


## AktivAmeriko

*novaĵletero de UEA-Komisiono por Ameriko*
*aperas dufoje en la jaro (Jun kaj Dec)*

**Redaktanto**
*James Rezende Piton*
✉ Av. João Batista M. do Canto, 257/J2
Campinas (SP) , BR-13031-210, Brazilo
☎ kaj 🖹 +55 (19) 272 5212
*james.piton@iname.com*



**KOMISIONO**

**UEA-Komisiito por Ameriko**
Atilio ORELLANA ROJAS
✉ Riouwstraat 172, NL-2585 HW
Den Haag, Nederlando
☎ +31 (70) 355 6677
🖹 +31 (70) 358 4422
*iei001@worldonline.nl*

**UEA-estrarano (*Landa Agado*)**
Renato CORSETTI (Palestrina, IT)
**Argentino**
Rubén DIACONU TKACHENCO (S.Peña)
**Brazilo**
James REZENDE PITON (Campinas)
**Kanado**
Suzanne CARON-RICHER (Toronto)
**Kostariko**
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
**Kubo**
Juan Ramón RODRIGUEZ (La Habana)
**Meksiko**
Leonora TORRES y TORRES (México)
**Usono**
Bill MAXEY (Powhatan)
**Venezuelo**
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)




UEA-Komisiono por Ameriko

Estas necese sendi legomaterialon al kelkaj landoj de Meza Ameriko. Se en viaj bibliotekoj aŭ en la biblioteko de viaj kluboj troviĝas duoblaĵoj, bv. informi la Komisiiton pri la titoloj. Li indikos kion sendi kien, kaj *Fondaĵo Ameriko* kovros viajn sendokostojn.